23ª Jaro - Nº 1 (239) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Januaro 1937ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

ANTAŬ ORA JUBILEO

## Pripensoj ĉe l'Komenciĝo de la Jaro

1887... 1937... kvindek jaroj forpasis de la momento, kiam la glora kreinto de nia lingvo, post multaj hezitoj, multaj pripensoj, decidis ekaperigi la unuan broŝuron pri nia lingvo, sub tiu pseŭdonimo, kiu poste estis iĝonta la nomo mem de lia kreitaĵo.

Kvindek jaroj... Kiom da homoj, en tiu periodo, estis vokitaj al ekkonatiĝo de nia lingvo ? Kiom da homoj venis al ni ?

Kalkuli ni ja ne povas ; sed ni povas certigi, ke estas centmiloj, kiuj iam eklernis nian lingvon, kaj se tiuj, kiuj inter ili ankoraŭ vivas, povus vere praktiki ĝin, t.e. ĝin legi, ĝin skribi, ĝin paroli, la tuta mondo estus nur sinsekvado de verdaj oazoj. En la grandaj urboj, ne estas stratoj, en kiuj ne unu, ne kvin, ne dek personoj, iam eklernis, ke la substantivoj en Esperanto finiĝas per **o**, la adjektivoj per **a**, la adverboj per **e**, ktp.

Tion ni povas respondi al tiuj, kiuj demandas al ni, kiomope ni estas.

Tion ni povas respondi, ĉar ni estas propagandistoj kaj ĉar neniu reprezentanto de ideo, same kiel de komercaĵo, plimalgrandigas la meriton de tio, kion li antaŭmetas.

Sed inter ni, ni konfesu, mallaŭte vere, sed tamen klare al ni mem, ke la realeco estas multe pli malĝojiga.

Se vere, en la ĉefaj urboj de Belgujo, miloj jam de niaj samlandanoj eklernis iam nian lingvon, ni povas esti certaj, ke ankaŭ miloj, preskaŭ same alta nombro de miloj, ĝin tute forgesis.

Kaj tio estas la teruraĵo en ciklopa laboro, kiel la nia. Ni ne vidas finon al ĝi, ĉar ne nur ni devas alvenigi al ni ĉiam pli kaj pli da novuloj, al kiuj ni devas instrui la balbutadon de nia lingvo, sed la plej grava, la plej laciga, la plej malesperiga laboro, estas tiu, konservi tiujn, kiuj venis al ni, eble kun tro granda espero en la facileco de Esperanto, kaj kiuj forlasas la kurson, foje jam antaŭ la fino de ĝi, foje tuj post la akiro de diplometo, kiu, post ses monatoj, estos nur ankoraŭ samvalora kiel ĉifono, pro la simpla kialo, ke rapide akirita ekkono de la principoj de nia lingvo same rapide forflugas, se, poste, ne plu sekvas efektiva praktikado.

Tial, je tiu ĉi komenciĝo de la jubilea jaro, ni volas instigi ĉiujn niajn propagandistojn, al komuna agado.

Dum la estraro de la Ligo kaj ankaŭ de la grupoj ekklopodos varbi, per taŭga propagando, novajn adeptojn, la individuaj Esperantistoj **devus preni sur** sin, ĉiu senescepte, revenigi en niajn rangojn, ĉiu almenaŭ unu malnovan amikon, kiu pro kialoj diversaj, forlasis iam la **movadon**.

Kaj se ĉiuj abonantoj kaj membroj de Reĝa Belga Ligo Esperantista volas ne ripozi, antaŭ ol ili havigis al ni la kotizon de iama membro, sed kiu dum 1936 ne plu repagis sian kotizon, tiam la movado en Belgujo, kun la publikigo regula de nia organo, kun la rimedoj necesaj por la propagando, estos jam certigita.

Neniu povas aserti, ke tio estas tasko tro granda por li. Estas kontraŭe tasko, kiun ĉiu povas efektivigi. Por tio, oni ne devas disponi, nek pri skrib-, nek pri parola talento, eĉ ne koni **perfekte** nian lingvon.

Do, ke ĉiu pripensu ! Sed ke ĉiu precipe ne forgesu, post la pripensado, ankaŭ ekagi.

Tiam la koraj vortoj, kiujn ni, okaze de la komenciĝo de nova jaro, direktas unu al alia, certe amike, sed ankaŭ samideane, **samcelane, ne estos** vanaj vortoj.

Kaj tiam la jubilea jaro 1937 iĝos vere glora jaro, en la historio de la movado en nia lando.

Nia devizo do estu : la regrupigo de ĉiuj fortoj ekzistantaj, por ekkomenci, antaŭ la fino de la jaro, la definitivan ofensivon, kiu devos antaŭmetigi la aferon en nian parlamenton, kaj konduki nian lingvon en la lernejojn.

Maur. JAUMOTTE.

*Reĝa Belga Ligo Esperantista*

*kaj ĝia organo*

*"Belga Esperantisto"*

*prezentas siajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro.*

# Reĝa Belga Ligo Esperantisto

## XXVIa Belga Esperanto-Kongreso

**Antverpeno 15-16-17 Majo 1937**

Dum la lasta tempo, la L.K.K. ne plu donis novaĵojn. Ĝi nur petis apogon. Ĝi petis tujan apogon de tiuj, kiuj plenfide, eĉ ne konante la programon, tamen aliĝis, esperante ke la Antverpenaj amikoj faros certe sian eblon, por plej bone aranĝi la tri-tagan restadon en la Skeldurbo.

Nun tamen, kiam ni skribas jam Januaro 1937, kiam ni estas do jam en la jaro de l'Kongreso, la L.K.K. devas fari pli ol promesi, ĝi devas montri, ke ĝi jam ion ellaboris.

Tial ĝi submetas nun, al via atento, la provizoran programon de la Kongreso.

Ĝi atentigas, ke ĝi ne timis pensi pri la plej belaj aranĝoj, la plej belaj salonoj, la plej komforta vojaĝado, kaj tial ne hezitis antaŭvidi specialajn tramveturilojn, aŭtobusojn, vagonarojn kaj eble eĉ specialan ŝipon, tiel ke, malgraŭ la festotagoj, kiuj venigos al Antverpeno, ne nur la Esperantistojn, sed grandan amason da eksterurbanoj, ni tamen, kiel eble plej intime, povos ĝui nian Esperantan kunestadon.

Estas unu ombro al tiuj aranĝoj, estas ke, por ke ili estu efektivigeblaj, por ke la salonestroj rezervigu al ni la plej luksajn salonojn, tamen garantiante al ni, plej moderajn prezojn ; por ke la tram-, fervoj- kaj ŝip-societoj konsentu rezervigi al ni specialajn veturilojn, ni komprenebIe devis promesi al ili, plej multnombran ĉeestantaron.

De nun, la L.K.K. ion riskis por vi ! Ĝi tion faris, ĉar ĝi fidas, ke, el ĉiuj anguloj de la lando, vi multnombre venos.

Oni ja citis jam ciferojn. Notu, ke la plej optimismaj ne aŭdiĝis el Antverpenaj buŝoj.

Nun venis la momento, efektivigi la promesojn. Nun venis la momento, montri ke la L.K.K. havis la rajton fidi je la faritaj promesoj.

Venis la momento, ke ĉiu nun, sen plia atento, pagu sian kotizon kaj instigu sian najbaron, en kunvenoj, en festoj, en ĉiuspecaj renkontiĝoj, fari same.

Kaj tiam, la Kongreso de Antverpeno iĝos unu el niaj plej gajaj, plej belaj kongresoj.

Jen do la provizora programo :

**Sabate.**

14.00 h. Malfermo de la akceptejo en Witte Leeuw, Frankrijklei, 4.
15.00 h. Ekzameno pri profesora kapableco (ĝis 17.30 h.).
16.00 h. Vizito (aŭtomobile) de delegitaro al la tombo de la Prezidinto Frans Schoofs.
17.00 h. Florumado de la monumento al la Milit-mortintoj, apud la Nacia Banko.
17.30 h. Laborkunsido en Witte Leeuw (ĝis la 19a).
19.00 h. La L.K.K. aranĝigos en apuda restoracio malmultekostan vespermanĝon, por tiuj kiuj deziros.
20.30 h. En salonego Châtelet: Teatra aŭ Kabared-vespero, sekvata de dancado ĝis la 24a h.

**Dimanĉe.**

9.00 h. Diservo en Esperanto, se eble en la ĉef-preĝejo aŭ en la « Sint-Karolus »-preĝejo.
9.45 h. Kunveno sur la Granda Placo, antaŭ la Urbodomo.
10.00 h. Oficiala akcepto de la urbestraro.
11.00 h. Fotografado de la kongresanoj.
11.30 h. Solena kongresa kunsido (se eble en la « Provinca Domo », Schoenmarkt).
13.00 h. Komuna tagmanĝo en la restoracio de la urbocentro. — Mallonga programo realigota de la infanaro esperantista.
15.00 h. Vizitoj en grupoj, laŭplaĉe al Zoologio, al Muzeo Plantin, al ĉef-preĝejo aŭ Torengebouw, sub la konduko de gvidantoj.
18.00 h. Festeno en « Century » Hotelo.
21.00 h. Festo kun specialaj numeroj, kaj Balo en la salonego de la Panoramo de « Century »-Hotelo.

**Lunde.**

10.00 h. Kunveno ĉe la enirejo de la malgranda tunelo. Promenado tra la tunelo por piedirantoj, sub la Skeldo al la maldekstra bordo : « Sankta Anna »; per ekspresvagonareto al la banejo kaj vizito de la banejo. Reveno per specialaj aŭtobusoj tra la granda tunelo por veturiloj ĝis la Centra Stacidomo.
Per speciala vagonaro al Lier. — Tagmanĝo. — Vizito de la vidindaĵoj, kiel Zimmertoren, beginejo, aŭ malnova preĝejo. — Per speciala vagonaro al Bouwel.
16.30 h. Enŝipiĝo, en Bouwel, sur Wirtz-boato kaj reveno al Antverpeno laŭ Albert-Kanalo. — Per specialaj tramveturiloj de la Strasburga doko (Noorderlaan) ĝis la Centra Stacidomo.
19.00 h. Disiĝo.

### LISTO DE KONGRESANOJ:

Pro eraro en la presado, la nomo de S-ro Lemaire de Berck (Plage) estis citita dufoje sub la numeroj 105 kaj 113. La Numero 113 vere estis ankoraŭ libera. La listo nun kompletiĝas jene :

113. F-ino Marguerite Huyghe, Bruĝo.
118. S-ro Florent Verplancke, Bruĝo.
119. S-ino Leontine Verplancke, Bruĝo.
120. S-ino Alice Stroobandt-Victoor, Bruĝo.
121. S-ro Henri Van Roye, Bruĝo.
122. S-ino Marcelle Van Roye, Bruĝo.

## La Vojaĝo de S-ro Scherer

Li forlasis Amerikon ĉe la fino de paroladserio en multaj usonaj Somer-Universitatoj kaj Rotary-Kluboj, kaj alvenis en Hamburgo per *V. Ŝ. President Harding*, kaj post kelktaga halto en *Praha* partoprenis la *Universalan Kongreson en Wien*, kiel Delegito de la usona registaro kaj de E.A.N.A.

Sekvis por li dusemajna libertempo en Svislando, sed li apenaŭ havis tempon por viziti ĉiujn parencojn, ĉar li volis kapti 5-800 novajn bildojn grimpante en la alpa montaro. Tuj sekvis kvar semajnoj da streĉa laboro en la hejmo de lia onklo en *Bellinzona*. Li estis promesinta al la samideanaro 500 novajn lumbildojn pri « Hollywood » kaj «Tra Usono kun ruliĝanta hejmo». Sed pro manko de tempo li ne jam en Ameriko povis prepari la diapozitivojn. Do anstataŭ ĝui la maloftan libertempon plenplene,li devis sin kaŝi en «nigra ĉambro» de la frua mateno ĝis noktomeze. Li unue devis elekti 500 negativojn el kelkaj miloj faritaj en 40 ŝtatoj de Usono dum diversaj prelegvojaĝoj. Dum kvin tagoj li klopodis. Kiam fine li havis «nur 1000» belegajn negativojn, li apenaŭ

# Oni festis F-inon Jennen

La Komitato de la Brusela Grupo trovis la bonan formulon por iun festi, kiu, dum kvaronjarcento, jam laboris en niaj rangoj, por la efektivigo de nia komuna idealo.

Ĝi aranĝis festenon. Kie, — pli bone ol ĉe bele aranĝita tablo, sur kiu kuras rubando de floretoj kaj ĉirkaŭ kiu sidas ĉiuj la amikaj vizaĝoj, — regas tiu atmosfero de sereneco, kiun ni bezonas por festi kore kaj amike iun el niaj plej bonaj samideanoj.

Kaj tiun festenon, ne forlasante tamen la tradiciajn prezojn, kiuj povas konveni al la granda plimulto de la membroj, ĝi plie organizis en vere luksa, sed tamen intima kadro. Kaj kadro povas esti nur kadro, marmoro nur marmoro, kuseno nur kuseno, kiam tamen ĉio tio estas kunigata, tio multe, forte helpas, naski la atmosferon, kiun oni por tiaj festoj bezonas.

Ĝi ankaŭ, pli forte, ol pli humila, nekonata ejo, kunhelpas naski, inter la ne-



esperantistaro, la intereson, kiun ni esperas iam ŝanĝi en bonvola apogo.

Tion dirite, ni nun revoku la agrablajn momentojn, kiujn ni pasigis en la beleta salono de la Hotelo « Albert I » kaj « Terminus Nord », sur la Placo Rogier, apud la Norda Stacidomo.

Tie kunvenis ĉirkaŭ la festulino, F-ino Antoinette Jennen, la Prezidanto de Reĝa Belga Ligo kaj S-ino Kempeneers; la Vicprezidantino F-ino Yv. Thooris, prezidantino de la Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista ; la ĝenerala Sekretario, Prezidanto de la Reĝa Antverpena Esperanto-Grupo « La Verda Stelo », kaj S-ino Jaumotte; S-ino Schoofs, honora membrino de la sama grupo ; plie el Bruselo, multnombra membraro, gvidata de la komitatanoj : S-ino F. Staes, vicprezidantino ; F-ino S. Obozinski, profesorino ; S-ro Swinne, sekretario, S-ino J. Plyson, kasistino ; F-ino P. Kerkhofs, bibliotekistino-protokolantino ; S-ino Elly Staes, butikistino, F-ino Kestens, D-ro Maes, gekomitatanoj.

Post kiam ĉiuj estis ĝuintaj la bonajn manĝaĵojn, S-ino Staes, en unua vico, gratulis la jubileantinon en la nomo de la organiza komitato ; S-ro Kempeneers, rakontis memoraĵojn kaj gratulis en la nomo de Belga Ligo ; F-ino Thooris alportis la saluton de la Bruĝanoj ; S-ro Jaumotte daŭrigis la rakonton de la memoraĵoj de S-ro Kempeneers, kaj alportis la saluton de la Antverpenanoj ; S-ino Schoofs tutamike alportis siajn bondezirojn kaj fine F-ino Jennen dankis.

Ni ne rerakontos la diversajn paroladojn. Al ĉiuj paroloj, belaj floroj kaj donacoj estis aldonitaj por daŭrigi, ankaŭ en estontaj tagoj, la memoron de tiu ĉi bela tago.

Fine S-ro Swinne trinkis je la sano de la sinjorinoj, S-ro Buenting alportis lastan saluton nome de la eksterlando kaj fine oni aŭdis la belan voĉon de S-ino Elly Staes kaj kunkantadon de diversaj himnoj, antaŭkantitaj de S-ro Buenting.

Kaj en la plej bona atmosfero, oni disiĝis post tro rapide forflugintaj, sed vere feliĉaj horoj.

---

povis decidi kiujn forlasi. Sed decido devis esti farata. Finfine oni neniam povus uzi pli ol 200-250 lumbildojn en unu parolado. Sekvis la fotografa laboroj. Imagu la malfeliĉon de la onklino pro tio ke la nevo volis sidi en la mallumo, kiam ekstere brilis la itala suno! Lia patrino, kiu nun ripozas en Bellinzona, ne tiom surpriziĝis, ĉar ŝi jam tro bone konis la fotografan entuziasmon de la filo. La laboro devis nepre sukcesi, ĉar en multaj landoj la gesamideanoj jam reklamis por la novaj Scherer-paroladoj.

Fine de septembro sekvis rekta vojaĝo tra Basel-Hamburg al *Kopenhago*. En *Stockholm* s-ro Scherer devis komenci sian *duan eŭropan prelegvojaĝon*. La unua parolado okazis en la Stokholma altlernejo je la 2-a de oktobro.

S-ro Scherer faris entute 28 paroladojn dum oktobro en Svedlando. Dume li jam finis sian prelegvojaĝon en Danlando kaj alvenis en Norvegujo je la 10-a de novembro. Li faris *radio-paroladon* en Oslo, merkrede je la 11-a de novembro kaj nun vojaĝas kaj prelegas en Norvegujo ĝis *Trondheim*, de kie li veturos per ŝipo rekte al Nederlando. Li alvenos en Rotterdam, dimanĉon, la 22-an de novembro, dum la posttagmezo, por tuj komenci sian prelegadon tra Nederlando.

El Nederlando S-ro Scherer venis rekte al Antverpeno por rondvojaĝo en nia lando, pri kiu oni trovas detalojn en la kroniko pri la grupa vivo.

## La Gazetaro Parolas

**Redaktas: H. A. R. S.**

**Konkurso.** — Fremdultrafika Asocio de Oslo (ĉefurbo de Norveglando) konsentis aranĝi internacian konkurson.

En la semajna organo de la asocio, « Oslo denne uke » (Oslo dum tiu ĉi semajno) estis en la unua semajno de oktobro publikigataj 3 Esp.-lingvaj artikoloj pri Oslo, el kiuj oni devas — ĝis la 31. januaro — ion traduki en nacian lingvon kaj aperigi en kiel eble plej multaj gazetoj.

La Asocio disponigis 5 valorajn premiojn. De la koncerna numero de « Oslo denne uke » estos presataj, krom la ordinara eldonkvanto, 8000 ekz. por dissendo okaze de la konkurso. La rezultojn kontrolos 4-persona komitato, en kiu la Oslo-gazetaro havas reprezentanton. *(Esperantabladet.)*

**Alia konkurso.** — Grava literatura kaj muzika komitato en sia konkurso en 1937 notis sub n-ro 30 la temon « Esperanto kiel komprenigilo inter la nacioj » kun premio de 5 pundoj. La traktatoj devas esti skribitaj sur unu flanko de la papero kaj senditaj ĝis la 1.V.1937 al la sekretario J. Rhys Lewis, Eisteddfod Office Macbynleth Mont... Wales, Britlando. *(Informoj.)*

**Estona radio.** — Krom semajna esperanta kroniko, ĉiumarde de la 20.00—20.10 laŭ mezeŭropa tempo, ankaŭ en tiu ĉi sezono Estona Ŝtata Radiostacio (Tallinn 401 m. kaj Tartu 579 m.) akceptis la proponon de Esperanto Asocio de Estonio pri ĉiumonataj duonhoroj radiodisaŭdigoj, kiujn helpas okazigi Ŝtata Propaganda Oficejo. *(Litova Stelo.)*

### RADIO-AMATOROJ.

Ĉiu, kiu posedas aparaton, bonvolu informi, por propagand- kaj statistikcelo, nomon kaj adreson al F-ino J. Plyson, 185, Rue Jourdan-straat, Bruselo.

### KALKULMAŜINO

el Svisa fabrikejo (Madas) faras la kvar operaciojn. Aĉetebla je favora prezo Fr. 5.000. — Informoj ĉe F-ino Thooris, Wijnzakstraat, 4, Rue de l'Outre, Bruĝo.

# Parizo invitas al granda Konferenco

Esperanto estas kvindekjara, 1937 estas la jubilea jaro de la internacia lingvo.

En 1887, D-ro Zamenhof, en la urbeto Bjalystok, en Polujo, post plurjara laboro, donacis al la mondo sian lingvon.

Kvindek jaroj pasis. Malgraŭ ĉies baroj, la obstino kaj la pacienco de la pioniroj sukcesigis 28 Universalajn Kongresojn kun partopreno de 40 diversaj nacioj.

Kvindek jaroj pasis. Paŝo post paŝo, Esperanto eniris la diversajn fakojn de la moderna vivo.

Dum la dek-kvin lastaj jaroj pluraj Internaciaj Konferencoj okazis pri enkonduko de Esperanto en la Lernejojn (Genève 1921, Wien 1934), en la Komercon (Venezia 1923, Paris 1925), en la Sciencon (Paris 1925), en la Reklamon (Frankfurt 1930), en la Praktikon (Wien 1934).

Tiuj konferencoj estis vere utilaj. Ili permesis sendi deziresprimojn al la ŝtatoj, al la gravaj instancoj, asocioj, ktp., por enkonduko de Esperanto en tian aŭ alian fakon.

La Konferenco « Esperanto en la Moderna Vivo » montros per siaj kvar Komisionoj, ke Esperanto ne plu estas utopio, sed ke ĝi jam funkcias kiel praktika ilo por ĉiuspecaj internaciaj rilatoj, ke la problemo de lingvo internacia ne plu ekzistas, ke ne plu estas eble konsideri konkurantojn de Esperanto, unuvorte, ke Esperanto estas de nun la sola internacia vivanta lingvo, apud la vivantaj lingvoj de la diversaj popoloj.

Tia estas la gvidideo de la Konferenco.

***

Ni ekzamenu nun la planon de la diversaj fakoj de la konferenco.

## Esperanto en la Lernejoj.

En tiu kampo, la prepara komisiono havos grandan laboron. Ĝi, unue, devos ekzameni la sukcesojn jam atingitajn dank' al la konferencoj en Genève kaj Wien, havi la precizan situacion de la oficiala instruado de Esperanto en la diversaj landoj. Plie, ĝi devos ekzameni, en plej intima kunlaborado kun la oficialaj instancoj universitataj en la diversaj landoj, ĉu la instruo de Esperanto estos deviga aŭ laŭvola, en kiaj klasoj (aĝo de la lernantoj), en kiaj gradoj de instruado oni devos ĝin lernigi al la junuloj. Kiamaniere oni preparos la profesorojn por la nova instruado? La libroj, la metodoj, ktp...

Kiaj estos la diplomoj, kiujn ricevos la lernintoj? Kiajn profitojn donos tiuj diplomoj? Ankaŭ grava punkto de la laboro de la komisiono estos la internacia kunlaborado, dank' al interŝanĝo de lernantoj per Esperanto, ktp., ktp.



*S-ro André Baudet, prezidanto de la Konferenco.*

La rolo de la 1-a Prepara Komisiono estas ampleksa. Ĝi celas antaŭ ĉio al la edukado de la infanoj, direktita al la interkonsento kiun oni tamen devos iun tagon realigi inter la homoj.

## Internacia Trafiko.

La 2-a Prepara Komisiono havos kiel unuan taskon la zorgon detale montri la praktikajn servojn, kiujn jam alportis Esperanto en tiu fako de la moderna vivo: informoj en la stacidomoj kaj havenoj, tabuloj pri la veturado sur la vojoj, informoj pri komercaj ŝipoj, oficialaj atestoj de la komercaj ĉambroj pri origino de produktaĵoj, uzado de Esperanto por la varbado en komerco kaj industrio, internaciaj rilatoj de la metiistoj, uzado en la grandaj internaciaj foiroj, uzado por la turismo: hoteloj, propagandiloj, turismaj radio-dissendoj; policanoj, fervojistoj, poŝtistoj povantaj uzi Esperanton dum la hordeĵoroj; informoj por uzado de la publikaj telefonoj en la grandaj urboj, uzado de logatomoj por la telefonkomunikoj, ktp., ktp.

Kiel duan taskon, la Komisiono, interkonsente kun la grandaj instancoj de la internacia trafiko, preparos la vojon al pli granda uzado de Esperanto en la internaciaj interŝanĝoj: en markaj flughavenoj, surŝipe kaj surflugile, en internaciaj vagonaroj, en ĉefstacidomoj, en la stacidomoj de la landlimoj, en la doganoj, en radiopolico, en poŝtoficejoj, en turismaj oficejoj, en hoteloj, en bankoj kaj borsoj, ktp.

La Komisiono ne voĉdonos simplajn deziresprimojn por enkonduko de Esperanto en tian aŭ alian fakon, sed ĝi priskribos la vojon sekvotan por efektivigi detalan planon por ĉiu fako.

Dum tiu ĉi momento, kiam liberala ekonomia politiko ekfloras, kiam la ekonomiaj bariloj inter la popoloj ekmalaltiĝas, la laboroj de la 2-a Komisiono de la Konferenco alportos al la progresemaj homoj, en la kampo de la internacia trafiko, valoran esperon de helpo.

Por faciligi la efektivigon de tiu plano estas nepre necese, ke la sciencistoj kaj teknikistoj de la diversaj landoj kunlaboru, ke ili alportu al la industriistoj, al la komercistoj, la fortan subtenon de la scienco kaj de la tekniko.

Sed jam Esperanto bone vivas en la fakoj de la modernaj scienco kaj tekniko.

## Sciencoj kaj Teknikoj.

Dank' al la laboro de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, la 3-a Komisiono havas jam ampleksan materialon. En la kampo de sciencoj kaj teknikoj, jam ia nombro da revuoj presigas siajn ĉefajn artikolojn kun resumoj en Esperanto. La preparo de la teknikaj vortaroj, nepre necesaj por la internacia scienco, por la normaliga teknika kodo, estas jam sur bona vojo.

La 3-a Prepara Komisiono unue faros la inventarion de la rezultoj atingitaj en sciencoj kaj teknikoj. Due, ĝi esperas fini la teknikajn vortarojn en Esperanto, okaze de la Konferenco. Trie, ĝi celos sistemigi la uzadon de Esperanto por la sciencaj internaciaj rilatoj, la starigon de internacia scienca Centro Esperantista por la traduko de ĉiuj gravaj sciencaj verkoj en la internacia lingvo.

Ni neniam tro alte taksos la valoron de la laboroj de la 3-a Komisiono, kiu, laborante kun la 4-a, preparos veran internacian intelektan kooperadon.

## Intelektaj interŝanĝoj.

La 4-a Komisiono unue faros la inventarion de la tradukoj de la ĉefverkoj de la internacia literaturo en Esperanto, kaj same, por la diversaj esprimoj de la penso, la inventarion de la originala literaturo en Esperanto.

Ĝi ankaŭ celos montri, ke internacia arto, en teatro, en kino kaj en radio, ne nur estas ebla, sed jam ekzistas (esperantaj filmoj, teatraj radiodissendoj, kanta folkloro, ktp.).

Pere de l' beletristiko kaj de l' arto, la Komisiono celos montri, ke Esperanto estas ĉiutaga kreanto de nova homama sento.

La filozofaj skoloj, la religioj povos ankaŭ trovi lokon en la laboroj de la 4-a Komisiono.

Unuvorte, pli ol iu ajn el la aliaj, la 4-a Komisiono havos kiel ĉefan taskon elvoki la altan kulturan valoron de Esperanto en ĉiuj fakoj de la penso.

**MALALTA KOTIZO.**

La kotizo por la Konferenco estas 100 fr. fk., kun rabato 20 % por tiuj, kiuj aliĝos antaŭ la 15-a de Februaro.

La samfamilianoj pagos 75 fr. fk.

Kontraŭ tiu malata kotizo, ni donos al vi:
- konferencan insignon;
- abonon dum 6 monatoj de la oficiala gazeto de la Konferenco;
- ĉiujn dokumentojn de la Konferenco;
- rabatojn de 40 % sur la francaj fervojoj;
- senpagan enirrajton en la Ekspozicio dum 6 tagoj;
- senpagan partoprenon al ĉiuj solenaĵoj kaj al la teatra vespero;
- senpagan karton por la granda oficiala festeno de la Konferenco.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. *(atentu la horŝanĝon).*

Sabaton, la 2-an de Januaro: Intima kunsido.
Sabaton, la 9-an: Jarfesto — Oficiala Kunsido — Dancado.
Sabaton, la 16-an: Parolado de S-ro Van der Veken: « La polvo el kiu ni estas faritaj » (prokrastita).
Sabaton, la 23-an: Jara Festeno, en « Roi Albert ». Prezo Fr. 25,—.
Sabaton, la 30-an: Parolado de S-ro Faes.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel.: 314.59 ; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

*Kunvenoj dum Januaro 1937:*
Sidejo, la 5-an: Legado kaj klarigado de B.E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)
Sidejo, la 12-an: Kantvespero, gvidado F-ino A. Boereboom; Pianoforto: S-ino Van Roye; Violonoj: S-roj Hasenbroeckx kaj Helbig.
Kunvenejo, la 19-an: Redakta vespero. (Prez. S-ro G. Groothaert.) — (Ĉiu redaktos detalan punkton pri ĝenerala indikota temo.)
Sidejo, la 26-an: Ĝenerala Jarkunveno de la Grupo. (Prez. F-ino Y. Thooris.) — Raportoj, Elekto de la Komitato, Proponoj, ktp. — Neniu membro forestu.
PERFEKTIGA LECIONO OKAZOS DUM ĈIU KUNVENO.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — **" Esperantista Brusela Grupo ".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Januaro 1937:
Lundon 4an EN ALBERT I: Novaj ludoj eltrovitaj de la sekretario.
Jaŭdon 7an EN ALBERT I: Komitatkunveno.
Lundon 11an: EN LA SAKO: S-ino Obozinski parolos pri sia vojaĝo en Svisujo. Poste oni kantos per diversaj partituroj pruntedonitaj de S-ro Buenting.
Lundon 18an EN LA SAKO: Mitulvespero en restoracio de la Buĉistostrato je la 20.30-a h. — Rendevuo en la SAKO je la 20a h.
Lundon 25an EN LA SAKO: Parolata ĵurnalo; prirespondа eldonistino: S-ino Plyson.
GRAVAJ RIMARKOJ. — Dum iom da tempo ni kunvenos en ALBERT I ĉiun unuan lundon de la monato. La aliajn lundojn oni kunvenos en LA SAKO.

GENTO. — **Genta Grupo Esperantista.** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro n-ro 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ:

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Post la armisticaj rakontoj de S-ro Faes, okazis, la 28-an de Novembro, paroladeto de F-ino M. Hofkens, pri bela vojaĝo, kiun ŝi faris al Svisujo. Vere poete ŝi priskribis la allogaĵojn de tiu lando. S-ro Jaumotte, kiu prezentis ŝin, ankaŭ kore dankis.

La 5-an de Decembro, okazis la Scherer-vespero, kiu estis ĉeestata de multaj membroj kaj de multnombraj vizitantoj el aliaj Esp.-grupoj de Antverpeno. La sukceso de S-ro Scherer, kiu parolis pri Hindujo, estis tre granda kaj la Prezindanto estis ĉies interpretanto, kiam li deziris al S-ro Scherer plej bonan kaj sukcesplenan vojaĝon en Belgujo kaj en la eksterlando.

Por la Zamenhoftago, S-ino Van de Veken kunmetis programeton, al kies realigo kunlaboris la organizantino mem, S-ino Faes, S-ro Ameryckx kaj, last not least, S-ro Vermuyten, kiu verkis specialan poezion por tiu ĉi cirkonstanco. S-ro Jaumotte faris la kutiman paroladon, en kiu li memorigis pri nia Majstro kaj atentigis la membrojn pri la ekspozicio, kiu estis organizata en la salono de S-ro Van den Bossche, nome de B.E.I.

La 26-an okazis la Kristnaskfesto por la plenkreskuloj, sed kompreneble tiu de la posta tago, la Dimanĉon, por la infanoj, estis la plej bone sukcesinta. Ĉiuj infanoj kunlaboris, S-ro Leon Schoofs, kun la helpo de S-ro J. Faes, faris tre trafan prezentadon de pulĉineloj; S-ro Herman De Schutter rakontis belajn historiojn kaj donacis al ĉiuj belan libron; S-ino Van der Veken organizis ludojn por la infanoj, G-roj A. Faes helpis per muziko kaj fine, post intima manĝo, oni disdonis al ĉiuj la premiojn de la bela Kristnaskarbo.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La kunveno de la 24-a de Novembro okazis en la Kunvenejo « Vlissinghe », sub prezideco de F-ino Thooris, anstataŭanta S-inon Y. Vrielynck-Hubrecht malhelpatan. Mallonga redaktado pri la venonta Belga Kongreso en Antverpeno estis petata de la ĉeestantoj. Ĉiu devis pritrakti apartan punkton de la Kongresprogramo. Ĉiuj redaktaĵetoj estis poste laŭtlegataj kaj estigis grandan gajecon, precipe tiu de S-ro G. Groothaert, kiu prezentis humorplenan Esp. Predikon.

La 1-an de Decembro, en la Sidejo, la ĉeestantoj legis la lastan numeron de B.E. S-ro Poupeye donis la necesajn klarigojn por la novaj membroj. Poste S-ro Guillaume amuzigis la kunvenantaron per siaj spritaj humoraĵoj. Kelkaj aliaj gemembroj imitis lin, rakontante gajajn anekdotojn.

La 8-an de Decembro S-ro Joseph R. Scherer, la fama esperantista mondvojaĝanto, faris priparoladon kun lumbildoj pri « Japanujo kaj ĝia intima Vivo ». Krom multaj esperantistoj, ĉeestis kelkaj ekstergrupanoj allogitaj per la artikoloj en la urbaj gazetoj. Ĉiuj multe admiris la tre interesajn lumbildojn kaj ĝuis la humorplenan komentarion de la paroladisto.

La 15-an okazis brila Zamenhofa Vespero en la Kunvenejo, bele ornamita per flagoj, kreskaĵoj kaj per ekpoziciitaj libroj kaj Zamenhofaĵoj. F-ino Y. Thooris, Prezidantino, malfermis la kunvenon per trafa alparolado, honore de nia Majstro, Honora Prezidinto de la Bruĝa Grupo. S-ro Groothaert, Sekretario, tiam legis ĉapitron el la libro de Edmond Privat « Vivo de Zamenhof » kaj post kutimaj komunikaĵoj, la restaĵo de la vespero forflugis en plej samideana atmosfero.

BRUSELO. — **Esperantista Brusela Grupo.** — Je la fino de Oktobro, D-ro Kempeneers prezentis sukcesplenan filmon pri la naciaj kongresoj.

La 7-an de Novembro samideano Scherer faris interesan prelegon pri Svedujo.

S-ro Buenting faris la 17-an de Novembro en la « OKHORA DOMO », ĉemetodan provlecionon fruktodonan por E. R. B.

LA LOUVIERE. — **" Verda Stelo ".** — La 9an de Decembro okazis komitata kunveno en « Brasserie Centrale Drapeau Blanc », sub la prezidanteco de S-ro A. Tassin. Oni diskutis pri ĉio ajn kaj la ĉefa punkto de la tagordo estis la aranĝado de la parolado de S-ano Scherer.

Oni decidis ke la 11a de tiu monato kelkaj samideanoj gvidataj de S-ro A. Tassin atendos la preleganton en la stacidomo. La prelego okazos en la hotelo « Mille Colonnes » kies la estro metis senkoste je nia dispono la salonegon kaj lan ecesan elektran lumon. Ĉiuj samideanoj kore montris sian dankemecon pro tiu bela gesto al nia movado.

La 11an okazis en « Mille Colonnes » la prelego de S-ro Scherer. S-ro A. Tassin, prezidanto, per elektitaj vortoj prezentis esperante- kaj franclingve la faman paroladiston, S-ron Scherer, kiu prelegante en Belgujo, bonvolis akcepti veni en nian urbon por paroli pri la interesa temo:



*La infanoj de la Antverpenaj Verd' Stelanoj apud la Kristnaskarbo.*

# TRA LA MONDO

**Esperanto in het moderne leven**

— Te Parijs wordt werk gemaakt van de voorbereidingen der conferentie « Esperanto in het moderne Leven». De verschillende commissies zullen voorgezeten worden door vooraanstaande personaliteiten der wetenschappelijke wereld.

**Een nieuw succes**

— In de stedelijke bibliotheek van Rio de Janeiro werd een esperanto-afdeeling ingericht.

**Een Zamenhofmonument**

— Te Lichnov werd een Zamenhofmonument onthuld met een opschrift in het Tcheeksch en in Esperanto.

**Esperanto en de Tramways**

— Het bestuur der trammaatschappij der stad Pilsen (Tcheco-Slowakije) liet op de trambriefjes een propagandatekst drukken.

**Een Esperantostraat**

— Na het 28e Internationaal Esperanto-Congres werd te Klagenfurt een Zamenhofstraat ingehuldigd.

**Esperanto voor Toerisme**

— De stad Bern gaf een mooi vouwvlugschrift uit.

**Esperanto en de Handel**

— Het inrichtingscomiteit der handelsfoor van Rio de Janeiro deed mooie plakkaarten uitgeven, om de opening der tentoonstelling aan te kondigen.

**Esperanto in Italië**

— Het nationaal toerisme-agentschap ENIT gaf een prachtige prochure uit over Italië.

**Esperanto in Spanje**

— In de handelstentoonstelling der stad Valencia (Spanje) konden de bezoekers een mooien Esperantostand bewonderen.

**Esperanto en la moderna Vivo**

— En Parizo okazas viglaj antaŭlaboroj por konferenco « Esperanto en la moderna Vivo ». La komisionojn prezidos konataj scienculoj.

**Nova Sukceso**

— En la urba biblioteko de Rio de Janeiro, stariĝis esperanta fako.

**Zamenhofmonumento**

— En Liĥnov estis inaŭgurata Zamenhofmonumento kun enskribo en ĉeĥa kaj esperanta lingvoj.

**Esperanto kaj Trafiko**

— La tramdirekcio de la urbo Pslen (Ĉeĥoslovakujo) presigis sur la trambiletojn, propagandan tekston.

**Esperantostrato**

— Post la 28 Universala Esperanto-Kongreso oni inaŭguris en Klagenfurt « Esperanto »-straton.

**Esperanto por Turismo**

— La urbo Berno eldonis belegan faldfolion.

**Esperanto kaj Komerco**

— La specimenfoiro de Rio de Janeiro eldonigis grandan afiŝon, por disciigi la malfermon de la ekspozicio.

**Esperanto en Italujo**

— La nacia turisma oficejo ENIT eldonis 32-paĝan broŝuron pri Italujo.

**Esperanto en Hispanujo**

— En la specimenfoiro de Valencia, la vizitantoj povis rimarki belan esperanto-standon.

**L'Esperanto dans la vie moderne**

— A Paris des préparatifs sont faits pour la conférence « L'Esperanto dans la vie moderne ». Les commissions seront présidées par des personnalités connues dans le monde scientifique.

**Nouveau succès**

— A la bibliothèque communale de Rio de Janeiro une section esperantiste a été organisée.

**Monument à Zamenhof**

— A Lichnov un monument à Zamenhof a été inauguré avec une inscription en langue Tchèque et en Esperanto.

**L'Esperanto et les Tramways**

— La direction de la société des Tramways de la ville de Pilsen (Tchècoslovaquie) a fait imprimer un texte de propagande sur les billets de tram.

**Une Rue « Esperanto »**

— A l'issue du 28e Congrès universel d'Esperanto, une « Esperanto-strasze » a été inaugurée à Klagenfurt.

**L'Esperanto pour le tourisme**

— La ville de Berne vient d'éditer un magnifique dépliant.

**Esperanto et commerce**

— La foire commerciale de Rio de Janeiro a édité de grandes afiches, pour annoncer son ouverture.

**L'Esperanto en Italie**

— L'office national touristique ENIT vient d'éditer une brochure de 32 pages intitulée « L'Italie ».

**L'Esperanto en Espagne**

— A la foire commerciale de Valencia (Espagne) les visiteurs pouvaient remarquer un beau stand esperantiste.

---

« Tra Usono en ruliĝanta hejmo ».

S-ro Scherer, granda vojaĝanto, irigis sian aŭdantaron tra ĉiuj la regionoj de Usono kaj precipe temis pri la vivo de la modestaj Usonanoj. Multajn lumbildojn pejzaĝajn, morajn kaj teknikajn li pasigis antaŭ la mirigitaj okuloj de la ceestantoj, bedaŭrinde nur kvindekopaj. Frazo post frazo, S-ro A. Tassin tre lerte tradukis la tutan paroladon en franca lingvo por la neesperantaj kunsidantoj. Tiu belega parolado daŭris dum du horoj kaj duono. Estas meze de aplaŭdegadoj ke S-ro Scherer finis.

S-ro A. Tassin gratulis kaj denove dankis la oratoron kaj denove aŭdiĝis la aplaŭdoj. La kontenteco de ĉiuj pruvis kiel tiu vespero estis agrabla kaj instrua.

Sabaton matene S-ro Scherer vizitis tre rapide la ŝiplifton de La Louvière, gvidita de S-ro Dauchot kaj sin montris tre interesata pri la funkciado de la maŝinaro.

La Louvière Rondo esperantista konis en tiu tago la plej belan vesperon post la XXV Belga Kongreso.

## FAMILIA KRONIKO

### Gratuloj.

Al Ges-roj HERREWEGHE-VERBEKE, kaj al S-ro Edouard VERBEKE, Hotelestro de « Cornet d'Or », membroj de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de fileto kaj nepeto: Edouard Herreweghe, 7.12.'36.

Al S-ro Jules GINSBURG, kiu, la 1.XII.'36, fianciĝis al F-ino Ida LOWY.

## Esperanto kaj Bellamy.

Estas rimarkinda fakto ke ofte grandaj ideoj naskiĝas samtempe en la cerboj de homoj kiuj tute ne konas unu la alian kaj ofte loĝas en tre diversaj lokoj.

En la sama tempo kiam en Eŭropo Dro. Zamenhof publikigis sian lingvon kaj skribis pri la « interna ideo » de Esperanto, vivis en Ameriko Edward Bellamy kiu verkis libron enhavantan novan ekonomian sistemon, ankaŭ bazitan sur humanismo, frateco kaj internaciismo kaj en kiu li eĉ profetas la uzon de mondlingvo.

En sia verko Bellamy donas al ni bildon de la socio en la jaro 2000-a, kiam ĉiuj anoj de la nacio havos la samajn rajtojn sed ankaŭ egalajn devojn; kiam ne plu ekzistos senlaboreco, mizero, ekonomiaj krizoj; kiam anstataŭe la granda teknika kaj scienca progreso pruviĝos esti beno, ebliganta al ĉiu vivon senzorgan.

La bazo de la Bellamy-sistemo estas la ekonomia egaleco de ĉiuj dum la tuta vivo.

La nuntempa evoluo de tekniko kaj scienco ebligas abunde provizi la tutan homaron je ĉiuj bezonaĵoj per minimuma laboro; sed la ekzistanta ekonomio, bazita sur konkurenco, profito, nepersona mono, nekontrolata produktado ktp., kaŭzas ke al milionoj da homoj mankas la necesaj vivrimedoj, dum aliflanke grandaj amasoj da varoj estas detruataj, ĉar ili estas nevendeblaj.

La ruinigaj konsekvencoj de la nuna sistemo povas malaperi nur se la produktado

*La Muziko.*

# Iom pri Stradivari



Inter ĉiuj bone konataj violonfabrikintoj, Guarneri, Stradivari, Amati, Steiner kaj kelkaj aliaj, estas certe Stradivari kiu estas la plej konata, kaj restis ĝis nun la plej fama.

Stradivari devenis de patricia familio kies nomo ofte skribiĝis : Stradiverdi anstataŭ Stradivari. Laŭ fidindaj informoj la nomo mem devenis de la vorto « stratiarus » kiu signifas « doganoficisto », posteno dum multaj jaroj ekspluatita de la Stradivari-familio.

Antonio, la granda, « la vera » Stradivari estis la filo de Allessandro Stradivari kaj de Anna Maroni. Kiam kaj kie li naskiĝis, nenie estas trovebla.

Kiel granda artisto kaj bonega violonisto li tuj rimarkis la mankojn de la Amati-violonoj, kiuj ekzistis jam en lia tempo.

Li laboregis obstine kaj pacience kaj nur tridek jarojn poste estis vere kontenta pri sia laboro. De tiam — datumas de 1667 — ekzistis la t. n. Stradivari-violonoj.

De tiam komenciĝis la produktado — ege malgranda — de tiaj violonoj. Sed ne pensu ke li ne plu serĉis plibonigojn! Kontraŭe, ni povas ankoraŭ distingi tri tutdiferencajn periodojn en la laborado de Stradivaro.

En la unua periodo (de 1668 ĝis 1686) ne gravas la ligno, nur gravas la formo: per kelkaj malgrandaj ŝanĝoj li tute modifas la Amati-formon.

En la dua periodo (de 1678 ĝis 1695) gravas ja ankaŭ la eksteraĵo, la plibeligoj, la ligno. Kelkajn specimenojn de tiu tempo estas eĉ ornamitaj per eburaĵo.

Kaj fine en la tria periodo, la lasta kaj plej perfekta, li tute ŝanĝis denove la formon kaj havis, ekde 1714 la karakteristikan Stradivari-formon.

Fakto estas ke li laboris per majstra mano kaj laŭ sekreta procedo, ĉar, kvankam multegaj kopioj ekzistis en ĉiuj postaj tempoj, kvankam oni ofte egalis lin en beleco kaj eksteraĵo, la animo, la tipika « stradivari-eco » mankis.

Certe ne ekzistas cent veraj Stradivaroj en la mondo ; unu, ankoraŭ nun ekzistanta, portas la jarnombron 1736.

En tiu ĉi sama jaro, post la finlaborado de tiu specimeno, Stradivari mortis, kunprenante la sekreton pri sia speciala labormetodo en la tombon. *Diana.*

---

estas regulata laŭ la kolektiva bezono de la homaro, ĉiu ricevante egalan porcion kaj farante sian parton de la komuna laboro; nur tiam povos komenci daŭra prospero por la tuta homaro.

Por disvastigi ĉi tiujn ekonomiajn ideojn fondiĝis la Internacia Asocio « Bellamy », kiu utiligas Esperanton por la internacia propagando.

I.A.B. estas neŭtrala rilate politikon kaj religion, kaj ĝiaj anoj apartenas al ĉiuj klasoj de la popolo.

La suprenomita verko de Edward Bellamy baldaŭ aperos en Esperanto, sub la titolo « Rigardante malantaŭen ».

En la konvinko ke ĉiu tago de prokrasto daŭrigas kaj pligrandigas la mizeron de milionoj da homoj, la I.A.B. alvokas ĉiujn bonintencajn personojn al la propagando de la bela idealo.

Informojn kaj propagandan materialon volonte havigos la Centro por Internacia Propagando de la I.A.B., sekretariejo Gerard H. Bosma, Kerkweg 152, Santpoort (Nederlando).





**Estraro de "Belga Ligo Esperantista".**

Prezidanto: D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

Vicprezidanto: S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino: F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat—Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

Generala Sekretario-Kasisto: S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj :*
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).

*Por pagoj al I. E. L. :*
provizore al la privata P.Ĉ.K 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :*
P.Ĉ.K. 1689.58, Anverpeno (Willemsstrato, 21)



**INTERNACIA ESPERANTO-LIGO**
**KOTIZOJ 1937**

**MAH Fr. 130.00** **MS Fr. 200.00**
**MJ Fr. 22.00** **MA Fr. 50.00**
**Patrono Fr. 750.00**

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membrokarton, servokuponaron, kaj la Jarlibron.

MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.

MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.

MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton ; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate, kaj *Heroldo de Esperanto* semajne

***Pagu vian kotizon al:***
Via grupo aŭ al R. B. L. E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 30,—.
Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr., 21, Antverpeno.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.